Jaro II / N-ro 5  Majo, 1921

# LA REVUO ORIENTA

Monata Gazeto Internacia
Organo de Japana Esperanto-Instituto

エスペラント語雑誌
(ひがしあじあ)

大正十年五月廿五日 第二年 第五號 毎月二十五日發行

ENHAVO

## 日本に於る機關

◎日本エスペラント學會（東京市牛込區新小川町三の十四、振替口座東京一一三二五)、は日本に於ける研究普及の機關で、苟もエスペラントを研究し又は其趣旨に賛成なさる方は是非入會して其の事業を援助されることを希望いたします。會費普通會員年二圓、賛助會員同五圓、維持會員十圓以上。月刊研究機關雜誌 La Revuo Orienta を配布す。入會は住所姓名(振假名附)職業を記して申込むこと。

◎日本エスペラント社（東京市神田區表猿樂町二,はノ三一,(振替口座東京五一六一三）は日本に於けるエスペラント圖書發行所。

◎極東エスペラント書院（東京市青山郵便局私書函第一號、振替口座東京五五一五二）は海外發行の圖書輸入を致します。

◎横濱,横須賀,靜岡,京都,大阪,金澤,岡山,鹿兒島,那覇,札幌,小樽,臺北,京城にもエスペラントの會があり,會合や講習會が催されてゐます。

◎大阪市南區上本町七の五二六五から Verda Utopio と云ふ純文學雜誌,同市南區惠美須町三の二六星光社から La Espero と云ふ初等雜誌が發行されてゐます。

◎東京に於けるエスペラント講習會は上記日本エスペラント社に常設されて居り,初等科,中等科,高等科,會話專科,研究科に分れて居り,一月,四月,七月(夏季特別),九月に新學期が開始されます。詳細は返信料封入同社へ御紹介下さい。

◎エスペラントの研究用書は

○エスペラントの鍵
文法、文例、字引附の小册子
定價十錢、郵稅二錢

○エスペラント和譯辭典
定價二圓、郵稅六錢

○日本語エスペラント辭典
目下校訂中です

○エスペラント全程（自修書）
定價一圓、郵稅四錢

○エスペラント研究叢書

【第一編】エスペラント教科書
組織的講習用書
定價三十錢、郵稅二錢

【第二編】摸範練習讀本（註附）
定價五十錢、郵稅二錢

【第三編】イソップ物語（詳註）
定價四十五錢、郵稅二錢

【第四編】笑　話　集（詳註）
本年六七月頃出版の豫定

○日本エスペラント叢書
[No 1] Perloj el la Oriento
平家物語古事記孟子等和漢古典十餘篇、飜譯の良指南
定價四十五錢、郵稅二錢

○エスペラント讀本及文範
定價二圓五十錢、郵稅六錢

此等の圖書は學會でも,社でも,書院でも又は Verda Utopio 社でも求められます。

N-ro 5 Jaro II **La Revuo Orienta** Majo 1921

Redakcio: K. Ossaka, Japana Esperanto-Instituto, Tokio, Uŝigome, Ŝin-Ogaŭamaĉi III-14
Jarabono Internacia: 2.50 *En* (Y.); Provnumero: 2 respondkuponoj.

# DEKLARACIO DE LA AKADEMIO

— 3 —

## 2.—DIFINO KAJ DEVOJ DE LA LINGVAJ INSTITUCIOJ

La **Lingva Komitato** kaj ĝia **Akademio** ne havas la rajton iniciati iun ŝangon, korekton aŭ aldonon, nek krei novajn vortojn; ili devas nur konstati, kontroli, elekti, konsili, rekomendi aŭ malrekomendi: ili estas nur ordigiloj, moderigiloj, kaj reguligiloj, kiuj celas konservi la necesan unuecon kaj harmonion.

La rolo de la Lingva Komitato kaj de la Akademio ne dependas de la plaĉo de iliaj anoj, nek de la okaza ŝanĝebla opinio de iuj esperantistaj grupoj aŭ kongresoj. Tiun rolon, tre klare kaj precize difinitan per la Fundamento, — kiu estas konstitucia leĝo por ĉiu Esperantisto,—per la Fonda Regularo kaj per la Zamenhofaj komentarioj kaj konsiloj, devas akcepti ĉiu Komitatano kaj Akademiano.

Kreante la Lingvan Komitaton kaj la Akademion, la Esperantistaro konigis sian precizan celon kaj firman volon, deklarante, ke ĉi tiuj institucioj estas komisiitaj "por zorgi pri la *konservado* de la fundamentaj principoj de la lingvo kaj *kontroli* ĝian evolucion" (Regularo).

Sekve la rolo de la Akademio, kiu estas nur organizantaro por la laborado de la Lingva Komitato kaj de la prilingvaj nekomitatanaj kompetentuloj, estas, tute same, kiel tiu de ĉiuj Akademioj en la mondo, rolo esence konserva: la Akademio devas unue malhelpi rompon de la fundamentaj gramatikaj reguloj kaj malrespekton de la fundamenta vortaro; due ĝi devas zorgi, por ke la evoluado de la lingvo fariĝu laŭ la principoj, reguloj kaj instrukcioj entenantaj en la *fundamentaj* dokumentoj.

La signifo, de la vorto *kontroli*, uzata en la Fonda Regularo, ne estas duba: "kontroli" estas "esplori, ĉu io estas tia, kia ĝi devas esti" (Vortaro de Bein). Kompreneble tiu ĉi esploro estus tute vana teoria laboro kaj senutila batado de vento, se ĝin ne sekvus efektivigaj konsiloj kaj admonoj. La fundamento de Esperanto estas je la dispono de ĉiu Esperantisto kiel "konstanta kontrolilo, kiu gardos lin de deflankiĝado de la vojo de unueco" (Antaŭparolo de la Fundamento); sed tiu kontrolilo esta senaga, inerta, pasiva, ĝi estas nur ilo, kiun oni povas uzi aŭ ne uzi. Facile, eĉ senintence, oni povas malzorgi ĝin, forgesi ĝiajn ekzemplojn. La Akademio estas aganta, vivanta, aktiva kontrolanto, kiu kvazaŭe vivigas, efikigas la Fundamenton kaj efektivigas en la praktiko ĝiajn principojn. La kontrolo de la Akademio, ne forprenante la liberecon de ĉiu Espera tisto, nek barante la norma

naturan kaj laŭnature internacian evoluadon kaj pliriĉigadon de la lingvo, tamen konservas ĝian severan unuecon, kaj gardas la Eeperantistojn de blinda kaj senkritika alproprigo de eraroj, de malkorektaĵoj, de novaj nenecesaj, neutilaj kaj nesufiĉe internaciaj radikoj, aŭ de naciaj apartaĵoj kaj *idiotismoj*, kiuj ne estas internacie aŭ almenaŭ sufiĉe ĝenearle kompreneblaj. Ne deprenante de ĉiu Esperantisto " la eblon kritike proprigi al si ĉiujn riĉigojn kaj regule faritajn perfektigojn, kiujn li trovas en la literaturo," la Akademio devas esti konstanta helpanto, informanto kaj konsilanto de ĉiuj Esperantistoj kaj precipe de la verkantoj kaj de la gazetoj, senlace rememorigante al ili la necesan disciplinon, la fundamentajn principojn kaj la neprajn kondiĉojn de internacia lingvo, ebligante al ili la necesegan kritikon, refoje postulitan de Zamenhof, kaj la elekton inter relative internaciaj kaj nure naciaj radikoj, inter apartaj naciaj idiotismoj kaj internacie ĝenerale kompreneblaj esprimoj, " ĉar la lingvo internacia, simile al ĉiu lingvo nacia, povos bone atingi sian celon nur en tiu okazo, se *ĉiuj* uzos ĝin plene *egale* " (Antaŭparolo de la Fundamenta Krestomatio).

---

## 新 刊 紹 介

## (BIBLIOGRAFIO)

◎„PRO KIO?" (Nova Esp. Biblioteko No. 5), originale verkita de Argus; eld. Esperanto-Verlag Friedrich Ellersiek; 15×11 cm; p. 158; prezo 6.00 M.+80 %.

Belega, interesa kriminal-romano, kies scenejo estas kelkaj eŭropaj landoj. Ni ne scias, kiu estas tiu aŭtoro, S-ro Argus, sed certe li devas esti iu sperta samideano sub la preŭdonimo, ĉar la stilo estas tre bonega (nur ni rimarkis, ke li metis al netransiraj verboj la sufikson *ebl*, kiu havas pasivan signifon). Krom tio preso bela, papero luksa kun kartona kovrilo.

原作の探偵小說、コナンドイル式の唐突な構想はなけれど、奇しき戀あり、美しき叙景あり、且つ文體も完全、就中後半油乘りせるあたりは摸範的の行文である。

◎ELEKTITAJ POEMOJ de H. Heine (Nova Esp.-Biblioteko, N-ro 6), trab. F. Pillath; eld. ĉi-supra; formato sama; p. 45; prezo 3.00 M.+80%).

La tradukinto prezentas al la tutmondaj homoj lerte reproduktitajn poemojn, precipe ravigajn lirikajn versaĵojn, de la mondfama poeto Heinrich Heine. La unua eldono de tiu ĉi libro rapide elvendiĝis spite de dummilitaj malfacilaj kondiĉoj, la dua eldono nun jam estas preta al viaj manoj.

ハイネの美しい詩二十一篇の飜譯、譯し繿りも可、又作詩上の欠點もない。

◎KIA STRANGA, FORTA VOKO, muziko de Heikki Klemetti, vortoj de D-ro S. Schulhof; eld. Esperanto-Oficejo Finnlanda, Helsinki; prezo FMK. 1.50 3 resp. kuponoj.

四部合唱の音符。



# Scienco, Komerco, Industrio

## EL NATURSCIENCO

**Vivantaj Lampoj.** Kiam antaŭ duona jarmilo[1] hispanoj alvenis Amerikon, ili observis, ke la enlandanoj[2] kaptas kaj vespere alnajlas[3] iuspecajn skarabojn, lampirojn, sur la ĉambra plafono, por havi lumon en la mallumo. Por siaj festenoj ili enfrotis sur siajn vizaĝojn[4] lampirojn kaj tiamaniere havigis al si strangan maskon.[5] Tiaj skaraboj estis algluataj al la bastonoj, servante kiel[6] signaloj dumnokte. A. V. Humboldt rakontas, ke ankaŭ en Hispanujo truhavaj kukurboj enhavante lampirojn estis pendantaj je la plarono kaj donis lumon, malsufiĉan. Sur komercaj ŝipoj oni ĉiam havis pli grandan nombron da tiaj skaraboj, kiuj solaj[7] servis kiel lumigado dumnokte, ĉar ĉiu pli hela lumeto estus alloginta la timatajn marrabistojn. Nuntempe oni provas utiligi lumdonajn plantojn por lumigado. La lumado de putriĝanta ligno, konata jam en la antikva tempo, estas kaŭzata per fungoj. Ekzemple en Brazilo tiaj lumigaj fungoj elsendas palverdan[8] lumon sufiĉe efikan, por anstataŭi etan lampon. Ankaŭ aliaj fungoj de Aŭstralio kaj de propikaj regionoj donas helaĵon,[9] kiu se kelke da fungoj kunigitaj,[10] sufiĉas, por ke oni povas legi per tio. Tamen ĉi tiuj fungoj, deprenitaj for de la ligno, vivas ne plu longatempe, tial ilia uzado fariĝas malfacila, ĉar fungo-plantoj produktigas ne longatempe. Pli sukcese ŝajnas utiligi lumigantajn bakteriojn kiel donacantojn[11] de lumo. Kelke da bakteriospecoj, kiuj estas facile kultureblaj,[12] produktas lumon. Oni deprenas[13] ilin de iomsala[14] viando aŭ de mortintaj fiŝoj, sur kiuj ili prefere loĝiĝas, kaj plantas ilin en nutran gelatenon. Enverŝitaj en vitroretortojn, la bakterioj disvastiĝas tie en la gelateno kaj elsendadas malfortan blanke briletan lumon. Kelke da pli ampleksaj tiaj bakteriujoj kunigite sufiĉas plene por nokta lumigado. Eble tia bakteria lampo foje akiros praktikan valoron.

**Grava Glando de la Homa Korpo.** La homa laringo apud kartilaga[1] parto la ŝildoglandon,[2] kiu estas grava por la funkciado de nia intelekto.[3] Ĉi tiu glando produktas substancon, kiu enhavas ankaŭ jodon kaj tial estas nomata *Tireojodin'o*. Kiam per simpla operacio la ŝildglando estas eltranĉita, tiam plena idioteco estas la terura sekvo.[4] Ŝainas, ke en la sango ĉiam troviĝas venena albumino, kies efiko[5] je la cerbo estas idiotiga; sed en la sana korpo ĝi ne povas funkcii, ĉar la *Tirejodino* kompensas ĝian efikon. Do la ŝidoglando estas grava reguligilo[6] de nia intelekto.

Otto Marquard, zoologo,

Universitato Münster, Germanujo

〔注意: 脚註は p. 53 にあります〕

# LITERATURO

## EL TROPIKA LANDO

Karaj samideanoj de nia lando: Donu al mi la ĝojon raporti al vi pri nia afero: Alvenis mi hodiaŭ al la haveno Colombo, la dudek okan tagon post mia forveturo el Japanujo.

Post tagmanĝo oni surteriĝis, kaj preskaŭ tutaj japanaj pasaĝeroj prenis aŭtomobilojn por iri al Kandy, kie troviĝas famekonata templo budaa. Sola mi marŝis sen celo en la nekonata urbo. Ho ve: Ekpluvis, kaj mi pierdiris ankoraŭ sola, tra la strato trankvila. La verda standardo kovris mian ŝultron peze malseka.

Eine mi ektrovis unu aŭtomobilon kaj ĉirkaŭveturis en kaj ekster la urbo dum du horoj, flirtigante la standardon sanktan ĉe la antaŭo de la aŭtomobilo. Mi estis mirigata vidante, ke ĉiuj hindoj aŭ junaj, aŭ maljunaj, ĉie aplaŭdis kaj salutis al mia veturilo pasanta. Tiu ĉi entuziasma saluto igis min fine decida. Je la fino de la ĉirkaŭveturo mi vizitis eldonejojn de lokaj ĵurnaloj, "Ceylon Daily News," "Ceylon Observer" kaj "Times of Ceylon." Oni akceptis min bone, kaj ĉiuj redaktoroj promesis al mi enpresigi artikolon pri Esperanto kaj la japana reprezentanto ĉe XIII Kongreso; mi esprimis mian koran saluton kaj forlasis ilin en silento. Tiam la ĉielo jam sereniĝis kaj la varmega suno ekbrilis super la mondo. Mia koro soifante brulis en mi mem. Mi eniris unu kafejon por havi teon kaj kukon. Ekster la domo ridetis verdaĵoj; ĉielo blua kaj arbo tropika; homoj amindaj kaj teo alilanda. La verda standardo allogis scivolemajn okulojn sur la strato. En mia koro amo akkantis. Mi jam estis staranta sur la placo antaŭ granda hotelo; ĉirkaŭis min du aŭ tri dek hindoj.

—Tio ĉi estas standardo de Esperanto, komencis mi en la angla lingvo, Esperanto estas lingvo internacia: tiu havas la celon haltigi la batalojn kaj rekomendi la amon al ĉiu popolo......

—Ĉu vi estas voliŝoviko? demandis unu.

—Ho ne, tute ne! Amo kaj paco: oni povas esti amikoj unu al alia per Esperanto......

—For! For! ekkrigis policano, proksimiĝante al la amaso.

Ili invitis min al aŭtomobilo neokupita, metita proksime de la hotelo, kaj petis min sidiĝi en ĝi, kaj ni daŭrigis nian aferon.

—Tute el sama sango! diris unu el ili kaj kore premis mian manon. Ni suprenrigardis al la ĉielo blua.

La suno varma ridetis sur ni ĉiuj.

Ŝ. Narita.

Colombo, 24/III/1921



# „SOKOL“

Antaŭ nelonge[1] alvenis en Ĉeĥoslovakan respublikon el Tokio eminentaj kaj karaj gastoj, nome[9]: direktoro de alta normallernejo[3] S-ro Ĵigoro Kanô, membro de la Internacia Komitato Olimpia, S-ro Miĉiakira Nagai, profesoro de la korpeduko[4] kaj S-ro Tecuo Watanuki, profesoro de sociologio en la sama lernejo, kiuj sinjoroj dediĉis sian gardan atentemon al ĉiuj demandoj apartenataj al ilia fako,[5] precipe ili interesiĝis pri Sokolanaro (anoj de ĉehaj gimnast-societoj „Sokol“) kaj pri organizacio de la ministerio de higieno kaj korpeduko. S-ro prezidanto de nia respubliko akceptis nomitajn[6] sinjorojn. S-ro Ĵigoro Kanô, kiu visitis jam duafoje mian landon, aranĝis paroladon en Praha.

Mi opinias, ke la japana publiko nenion aŭ nur malmulte scias pri „Sokol,“ do jen mi mallonge priskribos ĝian historion, celon kaj signifon por la nacio.

En la tempo de la reviviĝado[7] de ĉeĥa vivo estis fondita en la jaro 1862 la unua „Télocvičná jednota Sokol). Ĝia fondintoj estas: D-ro Miroslav Tyrŝ (1832–1884), la unua gimnastantestro, kaj Jindrich Fügner (1822–1865) la unua prezidanto.

Certe Vi mem divenos, kiel terure persekutadis la malamikaj registaroj de la estinta Aŭstrio nian Sokolanaron, ĉar „Sokol“ estis ĝis nia liberiĝo 28/10 1918 nacia memhelpa institucio revolucia.

La Ia Sokolana Kongreso okazis en la jaro 1882 en Praha, tiam ekzercis entute 720 anoj. Depost tiu tempo disvastiĝadis[9] la „Sokol“ tial ke[10] okaze de[11] la VIIan Ĉiusokolanara Kongreso (26–30/VI 1920) 40,600 Sokolanaj kaj 36,000 Sokolaninoj (la sokola lernejinfanaro neenkalkulite[12]) venis en Praha-n montri, kien kondukas la metoda kaj disciplinita korpekzercado[13] kaj la morala edukado de la spirito. Ĉiuj ĉeestintoj vidis nian nacian simbolon de la forto, honesteco, disciplino kaj unueco.

(Daŭrigota)

Jiri Adámek

Ĉeĥoslovakujo

1 近頃 2 即ち 3 高等師範學校 4 體育 5 其專門(に屬する) 6 上記の(諸氏) 7 (チエヒ人生活の(復活) 8 解放まで 9 普及した 10 非常に(普及した)ので(何萬の男女ソコル員が集まつた程だ) 11 (第七回全ソコル員大會)に際して 12 ソコル兒童は勘定に入れずに 13 (組織的て訓練された)體操

---



---

【p 51 科學欄の註】〔生きたラムプ〕 1 五百年前 2 內地土人 3 釘着にす 4 顏にすり込む 5 妙な面を作る 6 (棒に膠着されて信號)さして(役立つ) 7 (是)だけが(燈) 8 淡綠の 9 光 10 數個集めれば 11 發光者(さして利用) 12 培養し得る 13 採ろ 14 少しからくなつた 〔人體の重要な腺〕 1 軟骨の 2 楯狀腺 3 智能の機能 4 其恐るべき結果は白痴さなるここ 5 (腦に及ぼす)作用 6 調整機關

# TRA ESPERANTUJO

## ENLANDA KRONIKO

(內地消息)

◎TOKIO. Ĉe Sendagaja Societo por Junuloj estis aranĝita esp. kurso dank' al klopodoj de nia fervora samideano Vicgrafo C. Miŝima kaj laborema sekretario de la societo S-ro Ĵ. Takenouĉi. Vespere, la 4-an de Apr. la societo okazigis propagandan vesperon en Ŝimin Kjôkai, ĉe kiu parolis S-roj M. Ga, Ujaku Akita, K. Ossaka (en Esp. per la interpretado de S-ro K. Macuzaki), Kakô Oba kaj D-ro J. G. Ramstedt antaŭ la 150 auskultantoj, Jam 80 personoj enskribiĝis al la kursoj sub la gvido de S-roj T. Adaĉi, R. Hasegaŭa kaj M. Inoue.—Ĉe Nippon Esperanto-Sya komenciĝis novaj kursoj; enskribiĝis al komencanta klaso preskaŭ 30 kaj al la progresinta 20 p.—Kurso ĉe Tokia Dentista Kolegio bone progresas.—Novaj grupoj formiĝis en Aojama Akademio kaj Tokia Komerca Universitato. — Vesperon, la 23-an, oni aranĝis festenon pro la memoro de D-ro Zamenhof, en Gakuŝikai; la vespermanĝon partoprenis 42 p.; post la vespermanĝo preskaŭ 60 samideanoj, inter kiuj 4 raportistoj de la gravaj tagĵurnaloj, aŭskultis al 14 paroladoj, ĉiuj krom unu faritaj en Esp. La 4 tagĵurnaroj (Asahi, Tokio-Mainiĉi, Manĉô kaj Ĉuô) kaj „Japan Advertiser" tre detale raportis pri la festeno en la sekvanta tago.—Aojama Gakuin (Instituto) Ni aranĝis la unuan kunvenon de Aojama Esperanto-Societo, 4-an de tiu ĉi monato; ĝin partoprenis dekunu studentoj. Ni interparolis pri diversaj temoj; esperemble ni havos pri multajn anojn. (Raportita de S-ro M. Macumoto).

◎KIOTO. La 3-an de tiu ĉi monato ni faris sufiĉe bonan propagandon inter la urbanoj per ekspozicio de Esp-aĵoj en Ŝoken-Kan Salonego de nia Kolegio, okaze de la atletika festo, kiu estas rigardata kiel unu el ĉiujaraj vizindaĵoj en Kioto. S-roj Jagi kaj Nakamura, kaj la mastro de Librejo Kanija bonkore helpis al ni ĉe la ekspozicio, ankaŭ same S-ro Fukuta el Osaka. Pli ol sesmil vizitantojn oni havis; ĉirkaŭ 50 ekz de „Plena Kurso" vendiĝis. Inter la aĉetintoj ni trovis 2 policanojn kaj 2 militorkestranojn, kiuj lastaj venis el Nagoja divizio okaze de la festo. Ni disdonis mil propagandfoliojn. Sukceso plia, ol ni atendis, plene rekompencis nian unusemajnan laboradon por la preparo. Oni ankaŭ presas memorpoŝtkartojn kun Esperantaj tekstoj.—Ĉe Sankô Asocio por Junaj Kristanoj S-ro Jagi gvidas Esp. kurson; baldaŭ aranĝiĝos kurso en Medicina Fakultato de Kiota Imperia Universitato sub la givido de la sama. Ankaŭ en Sanko (III Nacia Kolegio) estis aranĝota kurso por novaj studentoj.

(Raportita de S-ro J. Joŝimaĉi).

# 海外短信
## (Eksterlanda Kroniko)

◎チエシユコスロヴキヤ國ライヘンベルヒ商工業會議所 (Komerca kaj Metia Ĉambro de Reichenberg)は同國獨人エス會連合會に寄せた文書に曰く本會議はエスペラント運動に贊成し同語による文通を受け又同語にて返信するに逡巡せずと (Esp. Triumfonta 三月十三日版)。

◎フインランド國々會は三月二日豫算議定に當りエスペラント補助金二萬五千マルク支出を議決した。

獨乙バヴリヤ München 市交通吏員間にエス語の普及が著しく同市小包課主事ヤコブ氏は遞信省第七課の命により郵便電信話吏員のためエス語に關する講演をした。同市シユワビング貨物停車場書記 Hechtl 氏はミユンヘン鐵道局の命により鐵道吏員に對して講演をなした。上記遞信省第七課及ミユンヘン中央停車場に開かれた講演及展覽會の結果今迄に郵便局員三百四十名鐵道吏員百五十名が講習會に參加した。

◎佛國商工務大臣はパリーの萬國商業博覽會內國際エスペラント商業事務所に返信して曰く本省は總て私立企業には絕對に參加せざる方針なる故貴事務所申越通りには承諾いたし兼ぬれどもエスペラントを用ひて我國販路を擴張するは興味多き事なるを以て申達の趣を佛國海外貿易局に移牒せり依て同局は出來るだけの盡力を致すことならん云々(同誌三月二十日版より)。

---

## JAPANA ESPERANTO-INSTITUTO

◎Novaj membroj (dum aprile):

尹明善(京都) 加藤 道、伊藤莊之助(東京) 神先藤五郎(京都) 多羅尾一郎、宮島龍雄(東京) 高倘東(支那上海) 富田眞雄(松本市) 北風武次(松山市) 松本正雄、照內豐(東京) 岸浩三(小樽) 佐々城トシ(橫濱) 小泉修一、高田集藏、デ・バローグ、松井繁治郞(東京) 宇多小路保喜(金澤) 日野英一(松山市) 岩堂泰子(東京)。

◎Pro manko de l' spaco aliaj raportoj prokrastitaj.

# 研究欄

## 懸賞和譯課題

D-ro Zamenhof enloĝigis kun sia familio en malriĉa strato de l' hebrea kvartalo, Ulica Dzika. Kiel okulisto, li komencis tre malkaran praktikadon. Klientoj pagis nur kvardek kopekojn—kelkaj eĉ nenion. Ordinaraj okulistoj postulis grandajn sumojn. En riĉaj salonoj ili loĝis lukse. Tial multaj homoj eĉ preferis iri ĝis blindeco kun malsano de l' okuloj. Nun alvenis popola kuracanto. Al multaj li eĉ savis vidon. Baldaŭ lia atendejo enpleniĝis de mateno al vespero. Li fariĝis vera bonfaranto.

〆切は六月五日。佳作二名へエスペラント圖書を呈します。

---

## 質疑應答

◎【問】『一步一步』は paŝo post paŝo とすべきか、又は paŝon post paŝo とする方正しきか(京都 Okarbo 生)。

【答】目的格にせざるが Zamenhofaj なり。目的格となす人は *kun* paŝo post poŝo の省略なる故と主張す。然れ共此の如き全體として一の副詞の代用をする「獨立副詞句」は簡なるを以て上乘となすを以て前者の方可ならん。例:—

...tenante nin, koro ĉe koro (=*kun la* koro ĉe la koro)—[„En Sonĝo" trad. de D-ro Zamenhof] ひしと抱き合ひ...

◎【問】エスペラントの作詩はどんな法則でするのですか(東京 K. N. 生)。

【答】これは簡單には返事出來兼ねます。次號から作詩法講義を連載しませう。

# 偉人の面影

Vivo de Zamenhof 拔粹註譯

（其 の 四）

Unu post unu ekvenis respondoj. Demandoj, konsiloj, aproboj, aŭ fervoraj leteroj. Eĉ kelkaj estis jam skribitaj en la nova lingvo. Ĝi fariĝis do vivanta, ĉar uzata. Baldaŭ multaj anonciĝis aliĝantoj. Formiĝis rondo familia. Duoble ĉesis la soleco Zamenhofa.

一つ一つと返事が來始めた。 質問、提案、贊成又は熱心な手紙。 中にはもう此の新しい言葉で書かれたのもあつた。 さればもう生きた(言語)となつたのだ、用ひられたのだから。 やがて多數入會の申込みがあつた。(四海)一家の團欒は形作られたのだ。二重にザメンホフの淋しさは止んだのである。

Verkado, tradukado, korespondado formanĝis grandan parton de la noktoj. La movado esperantista divastiĝis tra la mondo malrapide, sed progrese.

著作、飜譯、文通が夜の大部分を蝕ひ去るのであつた。 エスペランチストの運動は遲々として、然し乍ら浸々として世界中に弘布されて行つた。

Kun amo li sekvadis la klopodojn de la novaj batalantoj :

...Vi en la urbo, vi en urbeto,
En la malgranda vilaĝo...
Tre malproksime ĉiuj ni staras
La unuj de la aliaj.
Kie vi estas, kion vi faras,
Ho, karaj fratoj vi miaj?

愛情を以て彼は新しき戰士の 奮闘 を憶ふのであつた：

君、都市にゝまた町に
將た小さき村に...
かけ隔ち居り吾等皆
相ひ互に。
何地にか君、何すらむ君、
あゝ君、吾が同胞。

Per tiu poemo *Al la fratoj*, kvazaŭ tra kristalo travidebla, ni povas rigardi ĝis fundo de lia koro, kiel ĝi batis en vespera silento pensante al la alia „rondo familia.“

此の『同胞に』なる詩を以てすれば殆も透明な結晶をすかし見る如く彼の心の奥底までも見透し得る、夕の靜けさの中に他の『四海一家』を懷ひ到つてそれが鼓動する樣を。

De 1900 al 1905 Esperanto progresadis pli rapide. En dek du landoj ekfondiĝis grupoj kaj gazetoj. Aliĝis jam konataj scientuloj. La movado iĝis vasta. Tiam estis kunvokita en Bulongne-sur-Mer la unua kongreso de l' Esperantistoj.

千九百年から同五年迄 エスペラントは 更に長足に進歩した。 十二箇國に會や雜誌が創始された。 既 に 知名の學者も參加した。運動は擴まつた。 時にブーロヌスルメールにエスペランチストの 第一回大會が招集されたのであつた。

Kun stranga timemo Zamenhof atendis tiun horon. Unue li hezitis, ĉu li eĉ veturos tien.

Kun edzino li vojaĝis. Vagono triaklesa kondukis ilin al Parizo. En ĉefurbo la plej brila en la mondo lin atendis bruado kaj flatado. Urbestro lin akceptis en la urbodomo. Ministro de publika instruado donis al li la ordenon de honono. En la supro de Ejfela turo li tagmanĝis kun plej famaj scienculoj de Francujo.

奇なる恐怖を以て ザ氏 は其時を待つたのでした。 始めは其處へ行こうかどうかとへ彼は逡巡したのである。

夫人と共に彼は旅立ちました。 三等車は兩人をパリーへ運んでゆきました。 世界の最も光り輝ける首府に於て彼を 待つてゐたのはお祭騷ぎとお世辭でした。 市長は彼を市廳に接見し、文部大臣 は 彼に名譽勳章を贈りました。 エッフエル塔の戴で彼は佛國の有名な學者と晝食したのでした。

**po** (いくつ) づつ

Mi legas po 5 paĝoj. 五頁宛讀む

**por** *a*) [目的] (何) の爲めに, (何) 用の; *b*) [交換] (何) に對して (何を拂ふ); *c*) [關係] (何) に對しては, (誰) にとつては (文意の主格關係); *d*) [賛成] (kontraŭ に對す) (其) に賛成して, (誰の爲め) に有利に; *e*) [時間] (其時間) の間だけ

(*a*) Ili laboras por pano. 糧の爲に働く

Glaso por vino. 葡萄酒用のコップ

(*b*) Ĝi estas aĉetebla por unu spesmilo. 一圓出せば買へる

Mi dankas vin por via bonkoro. 御親切に有り難ふ

Oni prenis min por franco. 僕をフランス人だと間違へた

(*c*) Tio ne estas bezona por ni＝Ni ne bezonas tion. 吾々に取ては不用

[注意] 此場合 al も用ひられる。por の方が『(誰に) 取つては』と意強し

(*d*) Ĉu vi estas por aŭ kontraŭ?

(*e*) Li iris al Kamakura por la somera libertempo. 夏休暇中だけ

Por ĉiam＝por eterne 永久に

[注意] por は接續詞として不定法動詞の前に用ひられる。Por muŝon mortigi, ni paŝilegon ne uzas. 鷄をさくには牛刀を用ひず

**post** [時, 順序] (何した) 後で

Post la noktomezo. 夜半を過ぎて

[注意] 背後の位置を示す三綴の malantaŭ (物のウシロに) の代りに短き post が代用せられること多し

**preter** (物) のそばを (通つて)

La aeroplano flugis preter la turo. 塔をかすめて飛んだ

[比較] apud (靜止); tra (中を通過)

**pri** (或件) に就て, 關して

Kiel vi opinias pri tio? 其に關する御意見は如何

**pro** [原因] (其) のために, (と云ふことが因) で

Li ŝin amas pro ŝia mono. 彼女を愛するのは其金に在り

Mi trinkas pro via sano. 君の御健康を祝して一杯やらう

**sen** (kun＝havanta に對して, 何々) なしに, (何) を持たずに

Ni laboris sen rekompenco. 大に働いたが報いられる所なし

Teo sen sukero. 砂糖を入れぬお茶

**sub** *a*) [位置] (物) の下に, (何) の下位に, (何の下) にかくれて; *b*) [狀態] (其境遇) の下(モト)に, (其な狀態) に(在つ)て; *c*) 目的格の前に用ひれば: (物) の下へ (はいり込む), (其狀態) の下に (陷る)

(*a*) Premi sub la piedoj. 踏付ける

Sub lia estreco. 彼の配下で

(*b*) Li diris tion sub la influo de alkoholo. アルコールの勢で云つた事だ

(*c*) La muso kuris sub la liton. 寢臺の下へ走り込んだ

**super** *a*) [位置] (其物から離れて其) の上に, (それ) を越して, (人) の上位に (立つ), (物) の上へかぶさつて (在る, 仕事をしてゐる); *b*) 目的格と用ひれば: (物) を越して (上へ出る)

(*a*) Super niaj kapoj brilis la steloj.

Per kio la homoj staras super la bestoj. 人が禽獸よりも尊きは何ぞ

Ĝis profunda nokto li laboris super la libroj. 深夜迄本にかぢりついてゐた

(*b*) Fiŝoj saltadis super la suprajon de la maro. 水面上へ飛上る

[比較] sur (物のすぐ上にのつて)

[參考] superi 凌駕する, 優る

**sur** *a*) (物) の上に (のつて), (其) を基礎にして (其上に); *b*) 目的格と用ひれば: (物) の上へ (のせる, 落ちかゝる), (身の上) にかゝる)

(*a*) Li tenas la piedoju sur la benketo

Li staris sur unu piedo. 片足で立つ

Fenestro eliranta sur la strato. 往來に面した窓

Esperanto estas ĉefe bazita sur Hind-eŭropa lingva sistemo. 主として印歐語を基として ゐる

(*b*) Li metis la manon sur la tablon.

Lia parolo donis bonan impreson sur ilin. 好感を與へた

Mi prenos sur min la taskon. 其仕事を引受け (背負) ませう

[比較] super; sub.

**tra** (一方から他方へ物) を貫いて, (物) を通つて, (あまねく物の中) にゆき渡りて

Tra la kampo kondukas vojeto. 野を横ぎつて小徑がついてゐる

Ili marŝis tra la stratoj. 往來を通つて

Pro vi mi iros tra la fajro kaj akvo. たとへ火の中水の底 (をもくぐる)

Murmuro de admiro kuris tra la ĉambro. 室中ざわめき渡つた

[比較] preter; en.

**trans** *a*) (物) の向側に (在る); *b*) 目的格と用ひれば: (其物) を越して (向側へ移る)

(*a*) Trans la rivero. 川向ふに (ある)

(*b*) Trans la riveron. 川を越して (行く)

## [前置詞に關する注意]

◎移動の方向を示す目的格の前に用ひられる前置詞は通常: en, sub, super, sur, trans であるが、なほ antaŭ (の前へ), ĉe (處へ), kontraŭ も用ひられることがある。

Vi pli bone ĵetus perlojn antaŭ la porkojn ol vi donos tion al ili. 彼等にそんなものをやるのは猫に小判だ

Mi iris ĉe lin=al li, al lia domo.

Kontraŭ min mem sin turnis mia ruzo. 自分が仕掛けた欺計が自分に廻つて來た (自分にぶつかつて來る)

◎『(副詞) + (前置詞)』(此の副詞が他他動詞より來たものは前置詞を省いて次の名詞を目的格にしてもよい) が一つの前置詞の如く用ひられることが多い。數例;—

Konduku min sur ĝusta irejo *spite* miajn malamikojn (又は *spite de* miuj ...) 我敵には關はずに吾を正しき道に導け

[註] spite は屢々 malgraŭ と同様に用ひられる處から遂に次に主格の語を置きて前置詞扱ひをする人もあり

*Dank' al* vi mi sukcesis. 君のお蔭で

[註] *Estu* danko al *vi*! (有難し有難し) の意。然し惡い方にも轉用される:

Dank' al via denunco mi malsukcesis. 君が内通したお蔭で

Mi havas neniun scion *koncerne* tiou. 其事に關しては何も知らぬ

*Konforme al* la ĝisnuna moro. 在來の慣例に從つて

Li loĝas ie *proksime al* la lernejo. 何處か學校の近くに住んでゐる

Ni promenis laŭlonge de la rivero. 川沿ひに散歩をした

Ni sciiĝos pri tio pere de mia amiko. 友を介して聞く筈

◎『(前置詞)+(名詞)+(前置詞)』なる句が一つの前置詞の如く用ひられることも多い

En la daŭro de tri jaroj. 三年がかりで

Ni propagandas Esperanton *por la bono de* la homaro. 人類の爲めに

## 接　續　詞

**aŭ** (甲) か (又は乙) か (何れか一つ)、(何する) か或は (何々するか)、(何々或は言ひ換へれば) 即ち (何々)

[註] aŭ～aŭ... ～だの...だの, 或は～したり或は...したり

Kvin aŭ ses personaj. 五六人

Kiun vi preferos, vinon aŭ bieron? 葡萄酒にするかビールにするか

La ŝipo estas movata per turbino, (aŭ) rotacia vapormaŝino. タービン即ち廻轉蒸汽機械で動かされる

Lia projekto estas pli perfekta, ol la antaŭirantoj, aŭ en rilato de konstruo, aŭ en rilato de simpleco. 構造の點でも簡單と云ふ點でも 彼の計画の方が從前の者より優つてゐる

**ĉar** (何々した) ものだから (何々)、(何した) と云ふのは (何々だからだ)

Mi ne povis longe paroli, ĉar mi estis laca. 疲れてゐたものだから長くは話せなかつた

**ju pli～, des pli...** ～すればする程益々...

Ju pli (multe) oni posedas, des pli oni avidas. 多く (金を) 持てば持つ程人は益々慾張るものだ

Ju pli frue, des pli bone. 早ければ早い程いゝ

Tio tuŝis lian koron, *des pli ke* lia rememoro estis freŝa. その思ひ出は新しいだけに益々 彼の 心を感動せしめた

**kaj** (甲) と (乙) と, (甲) 及び (乙)、(何して (そして何々する)

Amo kaj ĵaluzo estas gefratoj. 戀と悋氣とは附物だ

Du kaj tri estas (faras) kvin. 二に三足すの五

[註] Kaj～, kaj... ～もすれは... もする (あまり多く用ひられず):

*Kaj* fulmis, *kaj* tondris. 鳴つたり光つたり

...kaj tiel plu [略して k.t.p.]=kaj ceteraj [k.c.]=kaj aliaj [k.a.]=kaj similaj [k.s.] ...等 (其他色々)

**ke** (前行文の動詞へかゝり、何が何である) と云ふことを (聞く、云ふなど)、(前行文の名詞へかゝり、何が何した) と云ふ (事實など)、(何が何々した) とは (うれしや、悲しやなど)

Mi ne *sciis*, *ke* li parolas Esperante. 話せるとは知らなかつた

Mi *ordonis* al il, *ke* li ven*u*=Mi diris al li: „Venu“. 來いと彼に云つた

Oni ne kredis je la *teorio*, *ke* la tero rondiras ĉirkaŭ la suno. 地球が太陽を廻はると云ふ學說を信じなかつた

Estas domaĝe, *ke* li jam plu ne vivas! 彼や今なしとは悲哉

[註] ke の前に他の語を附して用ひられる

Ŝi kovris sian vizaĝon per densa vualo, *tiel ke* neniu povis vidi ŝian belan vizaĝon. 厚いヴエールを被つてゐたので其美しい顏を見られなかつた

Ŝi kovris sian vizoĝon per densa vualo, *por ke* oni ne vid*u* ŝian vizaĝon. 人に顏を見られぬ樣にヴエールを被つてゐた

*tial ke*...=*pro tio ke*...=ĉar...

Li estas *tiel* malafabla, *ke* ĉiu lin abomenas. 彼は非常に無愛想だから人が皆鼻つまみする (程だ)

**kvankam** (何々) ではあるが (然し乍ら何々だ), (何である) とは云ふものゝ (實は然らず)

Kvankam vi estas riĉa, mi dubas, ĉu vi estas feliĉa.

**nek** (ne 又は nek と連用されて何もせず又何) も (せ) ず (と二段の打消)

Mi *ne* amas (又は *nek* amas), *nek* malamas lin. 彼を愛しもせれば憎みもせぬ

**ol** (甲) よりも (乙の方がもつと何々)

Li estas *pli* juna, *ol* mi

[註] 副詞的助辭 pli に附くが常例なれど antaŭ と合して一接續詞と成し得

Ne faru antaŭ ol vi bone pripenas. よ

く勘考せぬ内になす勿れ

又 alia の次に ol を用ひる人あり (krom の方が普通)

La ŝtelisto troviĝis esti neniu *alia ol* (= alia *krom*) lia propra filo. 盗人を捕へて見れば (餘人ならぬ) 吾子なり

**se** 若しも (何々である) なら, (何々である) としたらば、(何々であつた) としても*

[註] *『としても』は eĉ se (又は se eĉ) の弱き意の場合

*Se* li ven*os*, mi ĝir*os*. 彼が來たらば申しませう (單の未來、約束)

*Se* li ven*us*, mi dir*us*. 彼が來たのなら云ふんだが (彼が來ぬから云はぬ、事實の逆、假定法)

*Se* li nur venos! 彼が來てくれさへしたらば！

Mi provos, se mi (eĉ) malsukcesos. 失敗するにしてもやつてみよう

Venu ĉiutage, *se eble*. 出來るなら毎日

[註] 他の語と合しても用ひられる

Mi sentis, *kiel se* (=kvazaŭ) mi sidus sur pingloj. 針の蓆に坐する思ひ

Mi provos, eĉ se (=kvankam) mi mortos. 死んでもやつてみる

Ne parolu tiel malŝate pri li, eĉ ne se vi ŝercas. 笑談にしてもそんなにひどく云ふな

**sed** (何々である) が然し (何々)

Li amas min, sed mi lin ne amas.

## [接續詞に關する注意]

◎前置詞、副詞的助辭等が接續詞として轉用されるもの多し

**apenaŭ** (何々する) かしないかに (何々した) [副詞的助辭轉用]

**antaŭ ol** (何々) する前に, (何々) せぬ内に (云々)

Li intermetis, antaŭ ol mi respondis. 私が返事をせぬ内に彼は口を挿んだ

**ĉu** (何々である) かどうか (知らぬなど) [副詞的助辭轉用]

Mi dubas, ĉu li estas honesta. 彼が正直であるかは疑はしい

[註] ĉu〜, ĉu…=ĉu〜, aŭ…〜 であろうとも…であろうとも

Ĉiu homo, ĉu li estas juna, ĉu maljuna, ne povas legi tiun libron sen larmoj. 若かろうと年寄であろうと人は皆其書を讀めば必ず泣くであろう

**ĝis** (何々する) 迄 (云々した), (云々) して後始めて (何々した) [前置詞轉用]

Mi parolis kaj parolis, ĝis li plene konvinkiĝis. 彼がすつかり合點する迄大に辯じ立てた

**do** (何々である果して) 然らば, 依て (云々) [副詞的助辭轉用]

**dum** (何々) してゐる間に (云々), (一方何々である) 然るに (他方は云々) [前置詞轉用]

Li estas honesta viro, dum lia edzino estas malafabla avarulino. 彼は正直だのに其妻君は無愛想な慾つ張家だ

**jen〜, jen…** 或は〜し或は…する [副詞的助辭轉用]

Lia kanto sonis jen gaje, jen korŝire. 彼の歌は或は浮れ或は斷腸の調にひびいた

**kvazaŭ** 殆ども (何で) あるかの如くに, (何々) でもない癖にまるで (云々) の樣に [副詞的助辭轉用]

Li parolis, kvazaŭ li scias ĉion. 何も知りもせぬ癖に何でも知つたかぶりに話してゐた

**tial** (何々した) 其故 (云々)

◎關係代副詞 (卽ち疑問相關詞 kiam, kiel, kiom 等) は勿論接續詞的に用ひられる

**kiam** (何々した) 時に (云々), (何々する) なら (其時は云々)

*Kiam* kato promenas, la musoj festenas. 猫が散歩に出ると鼠は宴會騷ぎ (鬼の居ぬ間に洗濯)

大正十年五月二十日印刷
大正十年五月廿五日發行

東京市牛込區新小川町三の十四
發　行　所　日本エスペラント學會
編輯兼發行者　小　坂　狷　二
東　京　市　麴　町　區　隼　町　七
印　刷　人　（大道社）岸　山　芳　太　郎

定價一部金十七錢
一年分金貳圓（郵稅共）